BULTENO
de la Internacia Federacio Esperantista Fervojista
IFEF
Sekretariejo: Orteliusstraat 108/II, Amsterdam, Nederlando
Redaktejo: von Liebigweg 26, Amsterdam,
FEBRUARO 1956
JARO 8a No. 3

## RESPONDO
al sennombraj bondeziroj

Novan jaron enirante
Ni atentas pri kutim'
Reciproki bondezirojn
Kiujn sendis vi, sen lim!

Ni forpenis kalendaron
Flaviĝintan pro jaraĝ'
Kaj ni legas: januaron
Sur la nova titolpaĝ'.

Post malĝojo travivita
Ni nin flatas per esper'
Pri la jaro komencita,
Sed ĝi restas nur ĥimer!

Nova jaro, nova beno,
Nova zorgo; jen la sort';
Nur ĉenero el la ĉeno
De naskiĝo ĝis la mort',

Ni memoras senintence
En la jaroŝanĝa hor'
La amikojn, kaj enpense,
Travivaĵojn de la kor!

Skribu, skribu ni gratulojn
Per skribema, vigla man',
Por certigi konatulojn
Pri prosper' kaj bona san'.

Tra malnova notkajero
Serĉu ni pri nom', adres',
Por ke restu sur la tero
Eĉ neniu en forges'.

Al vi, karaj IFEF-anoj,
En komenc' de januar',
Ŝutas ni per ambaŭ manoj
Bondezirojn por novjar'.

Estu sanaj, fortaj, riĉaj,
Plenesperaj kaj feliĉaj;
Semu ĝojon en la mond'!
Kaj entuziasmaj estu;
Pej fidelaj membroj restu
De la kara IFEF- rond'!

## VIDINDAJ LOKOJ EN SVEDIO

La plej proksima vidinda loko estas la palaco Drottningholm, 50-minutan veturon per ŝipo, aŭ 20-minutan per aŭtobuso.

Apud la lago Mälaren kuŝas la palaco Drottningholm kun sia belega parko. La kastelo estas konstruita dum la jaroj 1662 - 1686 por la reĝino Ulrika Eleonora. La palaco estas tipe grandbiena domo, tamen forte influita de Versailles, kun pompa, tute franca palacĝardeno kaj eksterordinare bela parko, plena de interesaj konstruaĵoj kaj multaj skulptaĵoj. La teatra domo tie, konstruita dum Gustavo la kvara, estas nun teatra muzeo.

Ekzistas multaj ŝipveturadoj inter kaj ĉirkaŭ la insuloj de Stokholmo.

Aliaj vidindaj lokoj ne longe for de Stokholmo estas Sigtuna, Gripsholm, Skokloster kaj Upsala, atingeblaj per ŝipo aŭ trajno.

En Upsala troviĝas la sidejo por la sveda ĉefepiskopo, kaj ankaŭ la plej malnova kaj grava universitato de Svedio fondita en 1477.

Pli fore de Stokholmo ekzistas multaj vidindaj lokoj kaj regionoj. Ni mencias nur kelkajn. Se iu interesiĝas pri vojaĝo ien en nia lando,

Ekzemple Göteborg, la granda havenurbo ĉe la okcidenta marbordo, kaj belega vojaĝo norden Göteborg - Trollhättan al la akvofalo tie, kaj en la sama direkto Mellerud - Arjäng tra mont- kaj lagoriĉa regiono.

Al la mezo de Svedio ekz Rottneros, priskribita loko de la nobelpremiita verkistino Selma Lagerlöf.

Kaj al Östersund - Åre, altaĵo kie okazas slaloma skiirado. Estas en la direkto al Norvegio trans Storlien.

Al la insulo Gotland en la Balta Maro, la urbo Visby - *La Urbo de la Rozoj kaj Ruinoj* En la mezepoka tempo la urbo Visby estis centro por la komerco de la Balta Maro. Interŝanĝa komerco inter orient- kaj okcident-eŭropo okazis tie.

Por ŝirmi la grandajn valorojn en la urbo kontraŭ malamikoj, la urbo en la 12a jarcento konstruis ringmuregon, proksimume 4 kilometrojn-longan ĉirkaŭ la urbo. Tiu ringmurego estas ankoraŭ hodiaŭ la plej granda konstruaĵo en Skandinavio.

La urbo troviĝas en bela terasa deklivo apud la maro. La vojaĝo tien povas okazi per flugmaŝino aŭ per fervojo Stokholmo - Nynäshamn kaj per ŝipo Nynäshamn - Visby.

La plej longan vojaĝon oni faras al Lappland (la lando de laponoj), nia plej norda provinco, kiu situas norde kaj sude de la nordpolusa cirklo. Tra Laplando fluas grandaj riveroj, kiuj venas de la montegaro kaj formas grandajn lagojn kaj akvofalojn.

La plej vidinda akvofalo estas Harsprånget, Stora Sjöfallet kaj Porjusfallen. Ĉe Porjus la sveda ŝtato konstruigis grandegajn akvofort-konstruaĵojn.

En Lapplando loĝas ĉirkaŭ 7000 laponoj, kiuj plejparte estas nomadoj kaj vivtenas sin per sia brutaro: la norda cervo (boaco), kaj migradas de la montaj regionoj orienten en la arbarojn kaj male. Ili loĝas en tendoj.

**Noktomeza suno.** Meze de la somero la suno neniam malleviĝas sub la horizonton en tiu regiono. Miloj da homoj venas ĉiujare por rigardi tiun mirindaĵon: la noktomezan sunon.

Pri la manĝo kaj loĝejo mi volas sciigi ke ia manĝo ne eniras en la hotelprezon. Tia aranĝo ne estas kutimo en Stockholm. Ni opinias ke ni havas tre favorajn logejprezojn.
Pri la manĝo ni interkonsentis kun Konsum por 125 personoj kaj Blomsterfonden por 100 personoj, ke ni manĝos ĉe ili je prezo de po 3.75 kr dum tri tagoj. Estas ordinara prezo, sed kelkloke en la urbo oni povas trovi eĉ pli malkaran manĝejon. La favoro ĉi tie estas, ke ni manĝas kune kaj tre komforte (je malaltigita prezo).
Kaj ne malpli grave estas, ke ni havas la manĝejon proksime al la kongresejo kaj nebezonas vagadi por trovi manĝejon, kaj eble ankaŭ elspezi tramveturon.

**Novaĵo por vojaĝantoj en Svedio.**

Por tiuj, kiuj vojaĝas dum la nokto inter Malmö-Stockholm kaj reen (ankaŭ Stockholm-Luleå) kaj ne uzas dormlokon, la fervojo ordigis ripozseĝojn en la salonvagonoj 3a klaso en kelkaj noktotrajnoj. La dorsapogilojn oni povas faligi malantaŭen tiel, ke oni povas sidi agrable kaj dormi. Piedapogo kaj leglampo faras la vojaĝon ekstre agrabla.
Kostas nur 5 kronojn pasigi la nokton en tiu ripozseĝo.
La dormloko en la 3a klaso kostas 12 kr; en la 2a klaso 20 kr.

La Kongreskomitato - Hj.O.

## TABELO DE LA VALUTO 1956 DE LA SVEDA MERKATA BANKO

| Svedio. kr. | Belgio. fr. | Anglio. ŝil | Francio. fr. | Holando. guld. | Italio. liro | Svisio. fr. | Hisp. pes. | Germ. DM. | Aŭstrio. ŝil. |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| 1.00 | 9.58 | 1-4 | 67 | 0.73 | 120 | 0.84 | 7.43 | 0.81 | 5.00 |
| 5.00 | 47.92 | 6-11 | 335 | 3.64 | 600 | 4.21 | 37.17 | 4.05 | 25.00 |
| 10.00 | 95.84 | 13-9 | 670 | 7.28 | 1201 | 8.42 | 74.35 | 8.09 | 50.00 |

## TAGORDO DE LA ESTRAR - KAJ DELEGITARA KUNVENO

1. Malfermo
2. Raportoj de la landaj delegitoj. La raportoj enhavu la samajn detalojn kiel pasintjare. La delegitoj do kompilu ekzaktan raporton kaj aldonu sugestojn altvalorajn.
3. Sugestoj kaj decidoj por la efectivigo de la vojaĝanta ekspozicio.
4. Eventualaj rimarkigoj pri la kongrespeoponoj.
5. Proponoj pri novaj punktoj por la laborkunsidoj.
6. Fermo.

## KUNVENO DE LA TERMINARA KOMITATOJ

1. Malfermo kaj elekto de prezidanto.
2. Raportoj de la landaj kunlaborantoj pri la faritaj laboroj.
3. Elekto de ĝenerala gvidanto.
4. Sugestoj pri nova tasko.
5. Fermo.

## TAGORDO DE LA LABORKUNSIDOJ

1. Malfermo.
2. Salut- kaj ricevitaj leteroj.
3. Rimarkigoj pri la kongresraporto en Zürich. (Vidu la raporton en Bulteno No. 6 de Aŭgusto 1955a.)
4. Pritraktado de la jarraportoj, sekretario, kasisto, redaktoro kaj la diversaj komitatoj.
5. Pritrakto de la kongresregularo.
   La estraro proponas uzi la svisan koncepton kiel bazon por la diskutoj. Ci tiu koncepto estas sendita al niaj anoj per la "Bulteno" de Januaro 1955a.
   La en Zurich disdonita koncepto de "Gefa" estas uzebla por eventualaj ŝanĝproponoj.

   DEFA proponas ŝanĝi en la svisa koncepto:
   Art. 8: Forstreko el la teksto *kaj amiko de Esperanto*
   Art. 10: Forstreko el la teksto la lastan frazon.
   Art. 14 kaj 15 oni tute forstreku.
   Art. 16 ŝanĝi la literojn *LKK* en *La Landa Organizo*
   Art. 21 La formata 21x30 estus malekonomia al DEFA.
6. Pritraktado de la proponoj.
7. Nomigo de Centra Komisiono kaj landaj respondeculoj por la efektivigo de la vojaĝanta ekspozicio.
8. Estrarelekto.
9. Elekto de kaskontrolkomitatano.
10. Elekto de konfliktkomitatanoj.
11. Elekto de kongresloko en 1957 kaj la provizora en 1958.
12. Libera diskutado.
13. Fermo de la kunsidoj.

## KONGRESPROPONOJ

**1 FERN (Nederlando)**

La kotizo por pensiumitoj sumiĝu la duono de la kotizo, kiun pagas aktive deĵorantaj kolegoj.

Komento de la ĉefestraro:
Ĉi tiu aranĝo malebligus seriozan kaskontrolon.

**2 GEFA (Germanio)**

La nombro de la oratoroj dum la kongresmalfermoj kaj ilia paroltempo estu reduktataj. Parolu nur:
a) festoratoro dum 15 ĝis 20 minutoj.
b) po unu reprezentanto de la gastiganta landa asocio, de la ŝtato, de la urbo kaj de la administracio fervoja kun maksimume po 5 gis 6 minutoj da paroltempo.

c) el ĉiu ĉeestanta lando nur **unu** reprezentanto por sia landa asocio, por ~~ĉiuj~~ siaj sindikatoj, por sia administracio, ktp. menciante ci tiujn diversajn organizaĵojn, parolante entute 3 min. maksimume.

Komentario:
Oni certe povus plialtigi kaj la dignon kaj la solenecon de la kongresoj kaj la atentemon de la aŭskultantaro se pli malmultaj paroloj estus farataj. Spite al tia redukto proponita, tamen proksimume 18 ĝis 20 oratoroj estus aŭdeblaj kun entute 80 ĝis 90 min. da paroltempo.

3 **GEFA (Germanio)**

Por estontece plifaciligi al la LKK-oj la laboron, oni kreu **modelan kongreslibron**, kiu povos esti tipa por aliaj kongreslibroj.
Unu landa asocio transprenu la gvidon en tiu ĉi afero kaj prilaboru la modelon.

Komentario:
Tiu ĉi propono ne estas kritiko je iu ajn el la ĝisnunaj kongreslibroj. La modeltipa kongreslibro nur estu **helpilo**. Ĝi neniukaze malhelpu la verkemon aŭ subpremu la ideojn de la LKK-anoj, sed ĝi utiligu la spertojn el estintaj kongresoj. Ĝi konsistu el:

a) **parto deviga** por ĉiuj LKK-oj, kies diversaj punktoj nepre devos esti enpresigataj en ĉiun kongreslibron,
b) **parto rekomendata**, pri la apliko de kies punktoj la LKK mem decidu.

4 **GEFA (Germanio)**

Oni kreu **Centron de Informo** ĉe la IFEF-estraro, kiu kolektas kaj registras novaĵojn el la fervojista Esperanto-movado. Tiucele la landaj estraroj nomigu respondeculon, kiu gravajn novaĵojn el la propra lando urĝe transdonu al la informcentro de IFEF. Tiu ĉi uzu la en diversaj landoj jam ekzistantajn Esperanto- kaj Neesperanto-informservojn kaj centre provizu ilin per informoj el nia movado fervojista esperantista.

Komentario:
La ĝenerala gazetarservo tiom bone funkcias, ke ne estas necese starigi propran. Ni tamen utiligu al ni tian eblecon, por pli ekzakte informi la publikon pri nia faka movado ol ĝis nun.

5 **GEFA (Germanio)**

Krom la ĉiufoja kongresinsigno oni estontece aldonu **apartan insignon** por tiaj kongresanoj, kiuj ne, aŭ ne jam scias esprimi sin en la internacia lingvo. Tia insigno portu koncernan literon, ekz. *S* = simpatianto, aŭ *N* = neparolanto aŭ similan.

Kotizo: restu la sama ✓
Renkontiĝo de informoj.

Komentario:
Tia insigno markus la kongresanojn partoprenontajn kiel simpatiantojn aŭ komencantojn, kiuj sentas sin mallertaj kaj malspertaj kaj pro tio unuflanke formas proprajn grupetojn uzantajn la naciajn lingvojn aliflanke distancas sin de pli spertaj esperantistoj, timante blami sin. La ĉefa celo de tia aparta insigno estus instigi la pli flue parolantajn gekolegojn, esti precipe helpemaj al la portuloj de tiaj insignoj.
Oni povus fari tian insignon nove por ĉiu kongreso, sed pli ekonomie kaj efike estus krei unu specon por ĉiam.

## JARRAPORTO DE LA SEKRETARIO PRI LA JARO 1955a

Doni plej klaran superrigardon pri la vivo en nia organizaĵo en la jaro 1955a, estas mia tasko kiam ni transiris la sojlon kaj eniris novan jaron. Estas la 8a jarraporto, kiu aperas depost la fondiĝo de nia I.F.E.F. la 8a, en kiu la ciferoj montros seninterrompan kreskadon.

Tio tamen ne tro fierigu nin ĉar la pasinta jaro estis malfacila kaj alportis al nia fakmovado nur etan progreson, parte sekve de mal-pliiĝanta aktiveco aŭ pro manko da freŝaj fortoj. Ni do ne tro rigardu al la ciferoj sed larĝe malfermu la okulojn por la faktoj, kiuj devigas al ni nepre eviti la strutan politikon. Nur tro fikse rigardi la cifer-ojn entenas danĝeron, ke oni ne plu vidas la verajn faktojn, opiniante ke ĉio marŝas glate antaŭen al la celo.

Tia tamen ne estas la situacio en nia movado ĉar ĉiujare en nia kongreso proponoj estas akceptataj kaj tio signifas plimultiĝon de la laboroj. Aldonante al tio la modesta kresko de la membronombro oni ne-pre venu al la konkludo, ke en la landaj estraroj oni pli kaj pli sent-as la bezonon pri kunlaboro el la lokaj grupoj aŭ flanke de la izolaj membroj. Ni do zorgu, ke la jam peza ŝarĝo sur la ŝultroj de la funkci-uloj, ne fariĝu tro peza kaj ili trankvile povos plenumi siajn taskojn. Ni dotrovu la disponeblajn fortojn por plej ekonomie dividi la farend-ajn taskojn. Tiuj fortoj tutcerte ĉeestas en nia rondo sed la timo ne esti sufiĉe kapabla por ia okupo estas la ĝenerala kaŭzo, ke ni ne po-vas disponi pri ili. Al tio ni turnu nian atenton en la ĵus komenciĝ-inta jaro.

Tiujn ĉi enkondukajn vortojn oni ne konsideru kiel pesimismajn sonojn sed la multaj eblecoj, kiujn nia faka tereno prezentas al ni, devigas al ni montri obstaklojn sur nia vojo al daŭra progresado kaj al la rikoltado de pluraj sukcesoj.

Kvankam post la Ĝeneva Konferenco de la Granda Kvar multaj ŝtat-estroj kaj diplomatoj profetis politikan malstreĉiĝon en la mondo ni, en nia Internacia fakmovado, ne jam spertis la por ni favorajn sekvojn. Internacia Organizaĵo estas tre sentema pro la politika sfero en la mondo kaj ne povas pro tio etendi siajn flugilojn laŭdezire. Kontakto kun iu ajn lando ne povas plene kontentigi nin se niaj gekolegoj ne po-vas aliĝi al I.F.E.F. pro kiaj ajn kialoj. La adoptado estas nur help-

rimedo, kiun ni ankaŭ en la nova jaro stimulos, sed malgraŭ tio ni preferas normalan funkciadon. La spirito inter la esperantistaj gekolegoj fervojistaj estas tia, ke la adoptado ĉiam restos nesufiĉa kaj ne realigebla. Niaj klopodoj ne atingis ĝis nun definitivajn rezultojn kaj pro tio la kontakto fakte tute senvaloriĝas. Mi do finu mian enkondukon per la deziro, ke la nova laborjaro 1956a ebligu al niaj gekolegoj en ne jam aliĝintaj landoj membriĝi al nia I.F.E.F.

**LA MEMBRONOMBRO:**

En 1955 aliĝis al IFEF kiel landa sekcio *Jugoslavio* pro kio la nombro da aliĝintaj landaj sekcioj nun estas 16. Ankoraŭfoje ni ĉiloke kore bonvenigas la novan sekcion. En la ceteraj landoj, kie IFEF havas izolajn membrojn, ni ne sukcesis rikolti okulfrapajn sukcesojn. En Japanio okazis dum la Japana kongreso fakkunsido de fervojistoj sed nia amiko Noasuke Nobuki ne sukcesis formi jam landan estraron; oni decidis unue klopdi fari pli grandskalan propagandon inter la kolegoj. En Israelio ni bedaŭrinde devis eksigi la nuran membron pro nerespondo al nia alvoko, sed realiĝis al IFEF kolego en Alĝerio. Aparte mi volas mencii nian germanan kolegon Bruns el Lubeck, kiu preparis al ni la vojon varbi kolegon en Nord-Rodezio.
Krome mi ĵus ricevis la adreson de kolego en Brazilo, kiu deziras aliĝi al IFEF dank' al la fruktedona laboro de la sama kolego. Kiel sekretario mi mem sukcesis interkontaktiĝi kun instruisto en Turkujo, kiu pretas serĉi adreson de kolego en Turkujo, kaj kun grupo en Pollando.
Mi skribis al Argentino kaj tiel klopodis forĝi novajn kontaktojn. Mi do nun prezentu al la membraro la membronombron en la diversaj landoj kaj inter krampoj tiun de la pasinta jaro:
NEDERLANDO: 221 (227), Francio: 335 (330), Danlando: 89 (93), Aŭstrio: 101 ( 92), Svislando: 45 ( 45), Norvegio: 50 ( 50), Svedio: 91 ( 77), Germanio: 430 ( 460), Aŭstralio: 17 ( 17), Italio: 83 (70), Finlando: 60 (55), Britio: 41 (34), Belgio: 12 (21), Sarlando: 16 (16), Hispanio: 43 (28), Jugoslavio: 34 (3).

**IZOLAJ MEMBROJ:**

Japanio: 2 (2), Ĉeĥoslovakio: 19 (17), Israelio: 0 (1), Orient-Germanio: 10 ( 7), Portugalio: 2 (2), Usono: 2 (2), Maroko: 2 (2), Alĝerio: 1 (0), Nord-Rodezio: 1 (0).

La membroj en Maroko kaj Alĝerio estas enskribitaj sur la Franca membrolisto pro kio la membronombro de IFEF entute estis la 1an de Januro 1956a **1704**, pasintjare ĝi estis **1664**. La nombro da landaj sekcioj nun estas 16, pasintjare 15, la nombro da aliĝintaj landoj 24 kaj pasintjare 23. Ni do travivis en 1955 la minimuman kreskon kaj sukcesis precize eviti la unuan regreson dum la ekzistado de IFEF. Tio ne bezonas esti maltrankviliga pro organiza eraro ĉar kelkaj sekcioj anoncis en 1954 ankaŭ kursanojn, kiuj ne finstudis nian lingvon. Ekzakta komparo de la

ciferoj pruvas al ni, ke la modesta progreso estas kaŭzita de aliĝo de la nova landa sekcio en Jugoslavio kaj de kalkaj izolaj membroj sed en la landaj sekcioj la membronombroj ĝenerale restis stabilaj aŭ regresis. La kaŭzo de tio ni serĉu en la ne jam perfekta kunlaboro inter lokaj grupoj kaj izolitaj membroj en la koncernaj sekcioj ĉar relative granda nombro eksiĝis nur pro forgeso pagi ĝustatempe la kotizon. La ĉiujaraj korektoj en la membrolistoj pravigas tiun supozon.

**LA ADMINISTRADO:**

Granda diferenco kompare kun la antaŭa jaro ne okazis en la Administrado. Alvenis 394 leteroj kaj presaĵoj kaj ni forsendis 193 leterojn kaj poŝtkartojn kaj 14 presaĵojn ekskluzive la Bultenoj.
La membroregistrado pro la multaj ŝanĝoj forrabis multe da tempo kvankam la plimulto el la landaj sekcioj akurate plenumis tiun taskon, sed esceptoj ankoraŭ restis. Prave, oni postulas de la ĉefestraro la plej ekzaktajn informojn en la jarraportoj sed tion oni ebligu al ĝi per akurata informado el la landaj sekcioj. Je nia granda bedaŭro ni eĉ en la pasinta jaro konstatis eraran komprenon pri la strukturo de nia IFEF, kio povus esti fatala por nia movado ĝenerale. Se estas en nia organizaĵo ia malperfektaĵo, ni ne eluzu ĝin por krei duan sed komune ni klopodu atingi la perfektecon. La strukturo de IFEF estas tia, ke izolaj membroj kaj niaj gekolegoj en lokaj grupoj komencu la konstruadon sub la gvidado de landa estraro. En interna regularo estu fiksitaj la rajtoj kaj la devoj de la membroj kaj komune oni do klopodu plifortigi sian nacian organizaĵon laŭ tiu regularo. Flanke de tio la landa estraro gvidadu la propagandon kaj klopodu instigi la aranĝadon de kursoj en la plej multaj lokoj. La lokaj kasistoj enkasigu la kotizon kaj izolaj membroj sendu ĝin antaŭ fiksita dato al la landa kasisto. La sekretarioj ĉiun kvaronjaron informu la landan sekretarion pri eksiĝoj kaj aliĝoj. Kiam oni jam malzorgas tiujn ĝeneralajn regulojn en loka grupo aŭ izola membro faras tion, tiam iom post iom estiĝas malakurata funkciado en la landa organizaĵo, kiu samtempe malbone efikas je tiu de nia IFEF. Prokrastita anonco de nova membro kaŭzas neĝustatempan ricevon de nia Bulteno sed ankaŭ aliajn malagrablaĵojn nepre eviteblajn per iom da bona volo. La samo validas por landaj sekretarioj, kiuj ne senprokraste informas la ĝeneralan sekretarion pri tio.
La fondo de nia IFEF estas la belega rezultato de harmonia kunlaborado inter la gekolegoj organizitaj en Landaj Aocioj tutmonde kaj la izolaj membroj dise loĝantaj. La penoj estas kronitaj per la posedo de forta fakmovado sed ni nur povos fiere porti ankaŭ estontece la kronon se ni tuj komune solvu etajn malperfektaĵojn en la administrado. La plej gravaj ecoj ne mankas en nia rondo, entuziasmo, laboremo, persisto ktp ĉeestas en kvanto kontentiga. La nura problemo nia estas, kiel ni celtrafe povos komprenigi al ĉiu individua membro, al ĉiu funkciulo kaj estontaj funkciuloj, precize formulitan taskon, por ke ĉio en la administrado funkciu kiel akurate lubrikita maŝino. Tiaokaze estiĝas pli homogena unuo inter izolaj membroj, lokaj grupoj, landaj sekcioj kaj nia Internacia Federacio, en kies kadro oni povas elmontri siajn kapa-

blojn per individuaj kaj komunaj agadoj. Krom tio tia homogena unuo kondukos al plisimpligo kaj pli ekzakta administrado.

**LA ESTRARO:**

En la estrarfunkcioj ne okazis ŝanĝoj en 1955. Pro ŝanĝoj en la deĵroj la ĉefestraro ne povis tiom regule kunveni kiom en la pasintaj jaroj, kio tamen ne kaŭzis stagnon. La nombro da ricevitaj kaj forsenditaj poŝtaĵoj nur prezentas malgrandan parton de la laboroj en la sekretariejo plenumitaj. Ĉiuj sendintoj ricevis respondon sed afable mi petas pardonon al tiuj, kiuj sendis al la ĉefestraro bondezirojn okaze de la jarŝanĝiĝo, kaj ne ricevis sinceran dankesprimon pro tio. La torento da bondeziroj estis ĉijare tiom granda, ke mi konfuziĝis pro ĝi. La sendintoj de la bondeziroj akceptu nian varman dankon kaj speciale mi dankas niajn adoptitajn gekolegojn en Orient-Germanio, ĉeĥoslovakio, niajn gekolegojn en aliaj kontinentoj kaj niajn samideanojn en la ne jam aliĝintaj landoj Polujo kaj Turkujo pro la sinceraj bondeziroj.

Krom la administradon la sekretario ankaŭ prizorgis la membroregistradon kaj la rubrikon en Bulteno * EL LA GAZETARO* kun helpo de la Asesoro Dyfhout. La dua asesoro H.Hoen kunlaboris en la redaktado de nia organo, la kasisto ankaŭ ekspedadis la Bultenojn.

La plimultiĝanta laboro devigis la estraron aĉeti du skribmaŝinojn ĉar la plej malnova estas tute eluzita kaj estis heredaĵo de la antaŭmilita organizaĵo. Pro tio la ĉefestraro en 1956 denove dividos la taskojn por ke ili respondu al la nuntempa bezono. Al sendontoj de artikoloj por nia rubriko * EL LA GAZETARO* ni petas signi per ruĝa krajono la koncernan parton kaj aldoni Esperanto-tradukon se la artikoloj estas presitaj nacilingve. La kunlaboro kaj la sfero en la cefestraro estas presitaj nacilingve. La kunlaboro kaj la sfero en la ĉefestraro estas bonega, ĝi estis kompleta en nia Zürich-a kongreso, ĉeestis la konferencon en Sarlando kaj la sekretario reprezentis ĝin en la jarkunveno de FFEA en Parizo.

**Nia 7a KONGRESO EN ZÜRICH:**

Nia 7a kongreso restos al tiuj, kiuj partoprenis ĝin, neforgesebla. Altnivelaj estis la kunsidoj, perfekta estis la organizado de la kongreso. La LKK en Zürich meritas la sinceran dankon de ni ĉiuj pro la tre agrabla maniero agrabligi al ni la restadon en la kongresurbo. Tutcerte LKK havis la plej malfacilan taskon por organizi nian 7an ĉar tuj poste okazis la konferenco en Sarlando. Estas ĉiam malfacile konjekti antaŭe la nombron da partoprenontoj al kongreso sed kompare kun la 6a tiu nombro en Zürich duoniĝis. Tio kaŭzis al LKK multajn kaprompojn, ke malgraŭ ĉio la kongreso estis bonsukcesa kaj eĉ donis modestan profiton pledas por la tre serioza laboro en la LKK, kiu eĉ laŭ la nepritraktita kongresregularo donacis la duonon al la IFEF-kaso.

Ankaŭ ĉiloke la ĉefestraro tutkore dankas la svisajn kolegojn kaj la helpintojn pro la gravaj laboroj faritaj por sukcesigi nian kongreson en Zürich.

En unu spiro ni volas esprimi nian dankon al la organizintoj de la konferenco en Sarlando. Ambaŭ manifestacioj alportis por nia movado la deziratajn fruktojn. Ni pririgardu la rezultatojn ĉefe el organiza vidpunkto kaj tiam ni povas esti kontentaj kaj kuraĝe direkti nian atenton al la estonto.

**Ĝenerala Superrigardo:**

Ankaŭ en 1955 nia organizaĵo ne restis tute sen perdoj. La 11an de Novembro mortis en Rensburg Ernst Schilling, nia fidela kaj sindonema membro. Ke li ripozu en paco!

Atenta leganto sendube jam rimarkis en la jarraporto, la tiom deziratajn optimismajn sonojn ne donis ĉijare la sekretario, kvankam ni ne povas paroli pri regresoj en kiaj ajn rilatoj. Multfoje mi jam diris, ke la ciferoj ne estas la nura mezurilo por diagnozi la sanecon de organizaĵo. La ciferoj donas al IFEF sanan aspekton sed ni nepre ne malatentu la internajn organojn ĉar la interna organismo postulas nian plenan atenton. Tia konstato ne bezonas esti timiga sed ĝi konduku al seriozaj diskutoj por ke ni trovu la plej efikajn kuracilojn, necesaj por eviti gravan malsanon estontece. La IFEF-estraro plene konscias sian devon kaj strebos en 1956 siajn fortojn por ke en la venonta jarraporto estu pli da optimismo. Anticipe ni jam kalkulas je la kunlaboro de la landaj estraroj, la lokaj estraroj kaj izolaj membroj subtenu plej efike la landajn estrarojn en la laboroj.

Mi ne povas fini mian jarraporton antaŭ ol instigi ĉiujn gekolegojn veni grandnombre al nia 8a kongreso en Stokholmo, kie niaj gekolegoj inde akceptos ĉiujn. Fervojistoj povas toleri obstaklojn kaj liberigos al si la vojon al definita celo. Ni do decidu ĉe la komenciĝo de tiu ĉi nova jaro, ke ni komune strebu ĉiujn niajn fortojn por ke ni festu nian dekjaran jubileon en la konscio de seninterrompa kreskado.

Ek al la laboro por nia kara IFEF ! Ke ĝi vivu kaj floradu!

La ĝenerala sekretario: J.L.

## RAPORTO PRI LA JARO 1955 DE LA KASISTO

La raporto pri la jaro 1955 montriĝis bona rezultato.

Malgraŭ la profita saldo estas nur iom pli alta ol en la jaro 1954, la elspezoj multe pli altiĝis.

La preskostoj de la Bulteno plialtiĝis per pli ol kvarcent guldenoj. La Estraro aperigis la Bultenon 6 foje en la kvanto de 1800 ekzempleroj, do entute 10.800 ekzempleroj enhavante 88 paĝojn.

Ankaŭ la Estraro aĉetis 2 skribmaŝinojn, kiuj kostas pli ol kvar cent guldenojn, ĉar la estraro bezonas ilin, por bone kunlabori kun la presisto.

Entute ni povas konstati ke la Federacio vivas laŭ financa stato en bona cirkonstanco.

Ankoraŭ la kasisto havas la samajn plendojn, ol en la antaŭa jaro

li kelkfoje skribis al la landaj kasistoj, por sendi kotizon aŭ klarigojn pri la senditaj kotizo, ili eĉ ne respondas. Tio ne taŭgas, la anoj deziras de la estraro, ke ili plifortigu kaj pligrandigu la Federacion. Bone. Sed por tion fari la estraro deziras la kunlaboron de la landaj estraroj, kaj estas iliaj devo fari tion.

Do la estraro demandas urĝe respondu al la sendita korespondado por eviti ne necesajn kostojn.

Ankaŭ ne ĉiuj volas pagi la plian kotizon pri la jaro 1954, do ili senvalorigas la kongresdecidon; komprenu bone tio estas erara vojo.

Kaj nun pri la En- kaj Elspezoj:

| **Enspezoj** | | **Elspezoj** | | |
|---|---|---|---|---|
| Profita saldo 1 jan: 1955 | 893.78 | Preskostoj Bulteno | | 1552.55 |
| Kotizo de la membroj | 2075.73 | Poŝtmarkoj Bulteno | | 137.28 |
| Donacoj Bulteno | 263.62 | Kontorbezonaĵoj | | |
| Venditaj Glumarkoj | 13.16 | Sekretario | 84.78 | |
| | | Kasisto | 49.71 | |
| Entute Hg | 3246.29 | Redaktoro | 30.20 | 164.69 |
| | | Poŝtmarkoj | | |
| | | Prezidanto | 3.15 | |
| | | Sekretario | 35.99 | |
| | | Kasisto | 3.60 | |
| | | Redaktoro | 4.80 | 47.54 |
| | | Estrarkunvenoj | | 10.00 |
| | | Skribmaŝinoj | | 420.00 |
| | | Diversaĵoj | | 11.89 |
| | | Profita Saldo | | 902.34 |
| | | Entute Hg | | 3246.29 |

**Budĝeto pri la jaro 1956**

| | | | |
|---|---|---|---|
| Saldo 31/12. 1955 | 902.34 | Preskostoj Bulteno | 1800.00 |
| Kotizo de la anoj | 1750.00 | Poŝtmarkoj Bulteno | 170.00 |
| Donacoj Bulteno | 200.00 | Kontorbezonaĵoj | 50.00 |
| Vendotaj Glumarkoj | 20.00 | Kostoj Estraro | 15.00 |
| Pagenda Kotizo | 193.10 | Administraciaj kostoj | 50.00 |
| | | Diversaĵoj | 45.00 |
| Entute Hg | 3065.44 | Ne antaŭ vidota | 150.00 |
| | | Provizora Saldo | 785.44 |
| | | Entute Hg | 3065.44 |

**Bilanco pri 1955**

| | |
|---|---|
| Saldo 31/12 55 | 902.34 |
| Glumarkoj | 91.84 |
| Skribmaŝinoj | 421.00 |
| Entute Hg | 1415.18 |

La Kasisto de I.F.E.F.
W. Biesheuvel.

Envenintaj Donacoj por la Bulteno. de F.E.R.N. Nederlando 7.50 Mauseth Norvegio 0.25 Ohlsson kaj familianoj 10.35. Zaconi Italio 5.90. Svisa Tombolo 178.00. Respondkuponoj de la Sekretario 4.19. kaj 0.75 Poŝtmarko el Rotterdamo 0.10. La duono de Svisa Kongreso Profito 52.58 Venditaj Bultenoj al Bipp Svisio 4.00.

La Kasisto de I.F.E.F.
W.Biesheuvel.

## REDAKTORA RAPORTO

Kiel ĉefa ligilo inter la diverslandaj anoj, estraroj kaj la ĉefestraro Bulteno ludas gravan rolon en nia internacia movado.
Tial ĝi meritas plenan atenton, ne nur de ĝiaj prizorgantoj, sed ankaŭ de tiuj kiuj regule ricevas ĝin.
Niaflanke ni streĉas niajn fortojn por aperigi la organon en formo kontentiga, kun enhavo kiu estas interesa speciale por fervojistoj, aŭ kiu rilatas almenaŭ nian profesion aŭ fakan movadon.
Ĝia amplekso ne permesas al ni enpresigi la ofte longajn artikolojn pri Esperanto kaj la esperantomovado ĝenerale, kiuj pli kaj pli trovas sian vojon al nia redaktejo.

Por ke ne manku loko por tio kio interesas plej niajn anojn, ni povos enpresigi nur koncize la plej gravajn komunikojn el Esperantio. Tio ne estas domaĝo, ĉar la granda plimulto de niaj anoj sendube legas tiajn komunikojn pli detale en la organoj de la ĝenerala esp. movado. Ni do devas limigi nin al atenta tralego de la senditaj artikoloj, cirkuleroj ktp. por represi koncize nur tion kio estas aŭ tre grava, por Esperanto ĝenerale, aŭ interesa, speciale por fervojistoj, kaj ni ne povas traduki ĉion kio el pluraj anguloj de la mondo, verkita en plej diversaj lingvoj atingas nian skribotablon.

Kompreneble ni alte taksas la kunlaboron, nemankipovan, kiun ni spertas de kelkaj flankoj kaj ni sincere dankas al ĉiuj kiuj de tempo al tempo ĝojigas nin per bona artikolo, taŭga por Bulteno.

Ankaŭ en ĉi tiu jaro ni ne rifuzis presigi artikolon senditan de niaj anoj. Se kelkaj ĝis nun vane serĉis en Bulteno la de ili senditan artikolon, ili ne pensu ke ĝi trovis malbonan akcepton. Kelkafoje la limigita spaco de nia organo ja diktas prokraston.

La 6 numerj de Bulteno aperis regule; la postkongresa numero en Junio anstataŭ en Majo, kaj la sekvintaj en Aŭgusto, Oktobro, Decembro Pro praktikaj konsideroj ni rekomendas tiun ciklon ankaŭ por la estonteco. La numeroj estis ĝenerale 12 paĝaj, kelkfoje pli.

Kun bedaŭro ni konstatis ke en la lastaj numeroj pli kaj pli svarmas preseraroj. Ĉar eĉ la plej bone redaktita gazeto fariĝas senvalora kaj nelegebla kiam tro aktivas la preserara diableto, ni interrilatis pri tiu ĝena afero kun la presisto.

Montriĝis ke alsendo kaj korektado de presprovo ne kapablas forigi tiun mankon, ĉar post korektado la presisto devas kopii entute la pa-

ĝojn en kiuj troviĝas la eraroj kaj ĝuste tio povus kaŭzi novajn erarojn. Provizore ni do akceptis la bedaŭro-esprimojn de la presisto kaj certigojn ke oni faros ĉion eblan por estontece eviti tiujn erarojn. Ni do havas la esperon ke ĉi tiu kaj la sekvontaj numeroj estos malpli mankohavaj kaj ke Bulteno denove estos la taŭga reprezentanto de nia movado.

Restas al mi la tasko sincere danki pro la ŝatata kunlaboro kiun mi pli kaj pli spertis de multaj flankoj. Apartan dankon meritas K. do Hoen, kiu, farante multan laboron por Bulteno, ankaŭ en ĉi tiu jaro grave faciligis al mi la plenumitan taskon.

La redaktoro.

## RAPORTO PRI LA I.F.E.F.-VOJAGANTA EKSPOZICIO

En la 6a IFEF kongreso la Belga Filio proponis la aranĝon de vojaĝonta ekspozicio, kaj pretis centralizi kaj aranĝi la materialojn.
La Propono estis akceptita de la kongreso.

Sekve detala agadplano estis sendita al ĉiu landa filio de IFEF, al ĉiu individua membro de IFEF, al ĉiuj Esperanto-organoj menciitaj en la UEA-jarlibro kaj ĝi sekve ankoraŭ aperis en la IFEF-bulteno de Novembro 1954.
Sub paragrafo 5 estis graspresita alvoko pri la sendado de tiu-rilataj proponoj kaj sugestoj. Tiu paragrafo certigus al la ekspozicio racian evoluadon kiu samtempe evitus ke, post enordigo, la prezentado ne plaĉus al iu landa filio.

**Sekvoj al la proponita agadplano:**

1) Krom Aüstralio. Germanio. Japanio. Nederlando kaj Belgio neniu alia lando indikis respondeculon.
2) Neniu sugesto nek propono envenis.
3) 27 poŝtkartoj el diversaj landoj estis alsenditaj.

**Konkludoj:**

1) ĉu la landaj filioj ne sufiĉe komprenis la bezonon kaj la pli altan valoron de tia centrigita propagandilo?
2) ĉu la landaj filioj malfidas tian centrigon de materialo?
3) ĉu ni prokrastu la aranĝon ĝis pli oportuna momento?

**Pristudo de la konkludo:**

**A) ĉu tia ekspozicio estas *BEZONO*?**

Estas fakto ke pluraj landaj filioj povas disponi pri (esper eble) modernstila landa Esperanto-ekspozicio. Tamen tia ekspozicio ne sufiĉe plenumos la celon de nia organizaĵo. La celo de tia ekspozicio,

en nia opinio, devos esti: Interesigi la Fervojaj Direkcioj unuavice kaj due la tuta fervojistaro pri la solvo de la fervojaj, de **pure fakaj** problemoj internaciaj pere de Esperanto.

La ekspozicio estu do speciala faka manifestacio kie Esperanto aperas nur kiel konkludo, kiel ilo!

Tia ekspozicio ne ekzistas, ĝia bezono estas do fakto!

**Ĉu tia ekspozicio havos sian valoron?**

Malgranda ekzemplo sufiĉos:

La ekspozicio certe povos esti senpage sendata de lando al lando kie la IFEF kongresoj okazis kaj kie la sekvonta okazos. Plue ĝi povos esti sendata de stacidomo al stacidomo dum la tuta jaro antaŭ la kongreso en la kongreslando mem.

Ĝi informus pri IFEF kaj ĝiaj aktivecoj, pri la solvoj de la internaciaj fervojaj problemoj kaj pri la ilo kiu estas je la tuja servo, Esperanto.

Interesigitaj kaj scivoligitaj la fervojistoj kaj la Direkcianoj partoprenos niajn kongresojn por konstati la faktojn!

**Ĉu malfido devas regi?**

Tute ne, ĉar definitiva ekfunkciigo de la ekspozicio okazos nur post starigo de ĝenerala agadplano pere de la konsiloj de la diverslandaj filioj kaj kun ilia aprobo. La ensendota materialo (stampotaj de la sendontoj) restos la posedaĵoj de la sendontoj.

**B) Garantioj!**

La BEFA-estraro unuanime decidis ke ĝi prokrastos la aranĝon de la ekspozicio ĝis plenumado de la paragrafo 5 el la unua informilo kaj ja minimume de ĉiu landa filio de IFEF.

Se la landaj filioj ne povas trovi respondecan personon nek la tempon por la redaktado de proponoj aŭ sugestoj kio tiam ja okazos kun la preparota materialo?

L. de Bruyne.

## POR KORESPONDEMULOJ

Ĉiu kiu deziras korespondi kun eksterlanda kolego, bonvolu skribi al LECLERCQ LUCIEN 9 ALLEE RICHELIEU SEVRAN (S et 9) FRANCE, kiu volonte plenumas ĉiujn viajn dezirojn rilate al la korespondado.
Oni precize indiku: aĝon, sekson, landon de la dezirata korespondanto kaj aldonu poŝtmarkon por respondo.

Por helpi al siaj membroj kaj al la junaj komencantoj en Germanio ricevi amikojn en la tuta mondo, Germana Esperanto Junularo fondis korespondan servon, kiu kolektas adresojn de junaj (ĝis 25 jaraj) eksterlandaj samideanoj, kaj disdonas ilin al samaĝaj germanaj korespondemuloj. Adreso: Sro. Hans Best. Untere Mühlaustrasse 218, Mannheim, Germanio.

## NEKROLOGO

La 10-an de januaro 1956 mortis en Stokholmo, en preskaŭ 75 jara aĝo, nia plej ŝatata amiko Ernest Ericson.

Ericson estis unu el la pioniroj de la esperanto-movado en Svedio. Kiel parlementano kaj ĉefestrarano de la fervojista sindikato li utiligis sian popularecon por prosperigi la movadon en Svedio, precipe inter fervojistoj. Ankaŭ post lia pensiumiĝo li restis fidela ano de nia movado. Pro lia ĉiama preteco servi la amikojn konsile kaj fare, li estis plej bone konata kiel Onklo Ernesto.

Lia morto kaŭzis konsterniĝon ĉe la LKK, kiu esperis prezenti al Onklo Ernesto la kernon de la IFEF movado en ĝia sendube bone organizata kongreso en Stokholmo. Ankaŭ la IFEF estraro havis la esperon montri al la maljuna amiko la kreskon de la movado por kiu li dum multaj jaroj oferis tiom da energio.

Bedaŭrinde Onklo Ernesto ne ĝisvivas tiun por li sendube belan momenton. La senkompata morto tro frue forprenis lin......

Ni klinas la kapon, memorigante la noblan amikon kies mano ni neniam plu premos....

La estraro.

**Deziras korespondi:**

Albert Lehns. Dresden A 19. Heynahtstrasse 2 Germanio.

Gekomencantoj de la fervojista grupo ĉe stacidomo Wedau, kun kolegoj el ĉiuj landoj. Adreso: Petro Hermans. Bahnhof Duisburg-Wedau. Germ.

Hugo Jakubeit( 42 jara ) 24a Lübeck Wendischestrasse 46 Germanio, kun Finna kolego.

## EKSPOZICIO DE INFANDESEGNOJ

Sinjoro M. Gionival, Villieu ( Ain ) Francio, kiu projektis organizi dum la kongreso en Verona, ekspozicion de infandesegnoj pri la fervojo, sciigas ke la ricevitaj desegnoj ne sufiĉas por prezenti ampleksan ekspozicion. Li dankas al multaj sendintoj kaj deziras ke aliaj kolegoj sendu desegnaĵojn plej eble baldaŭ, por ke li povu organizi la ekspozicion.

## KELKAJ ŜANĜOJ EN LANDAJ ESTRAROJ:

**S A R L A N D O : ( S A E F )**

Prez: Oskar Höh, Goethestrasse 13, HOMBURG.
Sekr: Bruno Gerhardt, Kaiserstrasse 98, HOMBURG.
Kas : Eugen Werner, Kaiserstrasse 98, HOMBURG.

**I T A L I O : ( I F E A )**

Prez: G.Zacconi, Piazza Medaglie d'Oro 3, BOLOGNA.
Sekr: G.Gimelli, Via Donato Creti 61, BOLOGNO.
Kas : G.Catena, Via Pietramellara 55, BOLOGNA.

**G E R M A N I O : ( G E F A )**

Prez: F.Hasse, Mantreuffelstrasse 1, HANNOVER.
Sekr: J.Giessner, Hauptbahnhof 6, BRAUNSCHWEIG.
Kas : O.Denk, Landgrafenring 17, OFFENBACH/Main.

**S V I S L A N D O : ( S A E F )**

Prez: H.Sandmeier, Gloriasteig 5, Zürich 7/44
Sekr: W.Sonderegger, Albertstrasse 3, Zürich 5.
Kas : H.Noll, SouschefablöerKirchstrasse 14, Walliselle.